# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Kongresa numero 9-a jaro N-ro 3 (34) oktobro 2010



**Kovrilfoto: Placo de la Catedral en Havano （Foto:Martin Francisco CASTRO LOPEZ）**

NOVAĴO

## La 7-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

1002 esperantistoj el 59 landoj partoprenis en la 95-a UK okazinta en Havano en Kubo inter la 17-a kaj 24-a de julio 2010, kun la kongresa temo: Interproksimigo de kulturoj.

Je la 13-a horo en la 18-a tago okazis la 7-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj en la salono Broccateli. S-ro HORI Yasuo prezidis ĝin kaj unue prezentis situacion kaj celojn de la projekto Ĝemelaj Urboj. Mankas raportoj pri personaj spertoj rilate al la projekto probable pro nemultaj ĉeestantoj: nur 9 kunvenantoj, sed tio ne reduktis ilian intereson pri tiu temo, male ili interparolis vaste kaj varme en unu horo. Ili konsciis ke tamen mankas al ili spertoj pri tiu agado kvankam urboj en kiuj ili loĝas havas siajn ĝemelajn urbojn, kelkiuj esprimis deziron ke ilia urbo ĝemeliĝu kun alia en la mondo.

N-ro 2 Havana Karavano, kongresa kuriero, raportis la kunvenon, kaj ĈRI menciis ĝin en raporto dissendita en la 19-a tago.

## Salutvortoj al Hori Yasuo



Mi povas diri, ke mi unuafoje kaj vere kontaktis s-ron Hori Yasuo ĝuste pro ĝemelaj urboj. Okaze de la 3-a Azia Kongreso de Esperanto okazinta inter la 23-a kaj 26-a de aŭgusto 2002 en Seoul, Koreio, mi sendis gratulan leteron al li, kiu siatempe prezidis KAEM, ankaŭ tio estas unuafojo por mi oficiale sendi mesaĝon al Esperanto-aranĝo en nomo de komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj. Li voĉlegis la leteron sur la podio. De tiam komenciĝas interŝanĝo inter ni, komenciĝas lia kontribuo al la projekto.

S-ro Hori estas forta subtenanto de la projekto. Post la 89-a UK okazinta en 2004 en Pekino, Ĉinio, li enkondukis la projekton en projektojn de KAEM, t.e. projekto B-7. En ĝi estis skribata tiel: subteni projekton "Ĝemelaj Urboj " kaj helpi ĝemeliĝon inter urboj kaj E-kluboj. En la tri-jara posteno de la estrarano de UEA li sekve trifoje prezidis la kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum tri UK-oj, kaj iniciateme kontribuis al ĝi. Unu el la tipaj ekzemploj estas ke li speciale kunportis mapon por faciligi komprenon de la ĉeestintoj al urboj menciitaj en la kunveno okazinta dum la 94-a UK en Bjalistoko en Pollando. Li vaste kolektis priajn informojn kaj donis proponojn tiucele, precipe la lastaj proponoj al la nova laborplano preparata por la projekto.

S-ro Hori estas fidela praktikanto de Esperantolingvo kaj la projekto. Kiel li diris instigite de la projekto li ĉiurimede serĉis esperantistojn en la itala ĝemelurbo Orvieto de sia loĝurbo Maebaŝi kaj finfine renkontis ilin. Dum akcepto de la urbestro de Orvieto dum la 91-a UK li persistis en uzo de Esperanto, akceptis tradukon de la esperantisto kaj rifuzis helpon de sia samlandano kiu povas paroli la italian lingvon. Li forte montris rolon de Esperanto per

praktika agado.

S-ro Hori estas entuziasma propagandisto de la projekto. Li estas redaktoro de la Revuo Orienta, organo de Japana Esperanto-Instituto. Por efike kaj vivante montri la rolon de Esperanto en ĝemelaj urboj li aranĝis specialan numeron, nome Internacia interfluo per Esperanto en la 4–a numero 2006. Tie aperis kelkaj artikoloj el kelkaj esperantistoj, i.a. la mia "La Esperanto-movado kaj ĝemelaj urboj".

S-ro Hori grande kontribuis al evoluo kaj progreso de la projekto. Mi en nomo de la komisiito de la projekto kore dankas lin kaj esprimas la elkorajn salutojn al li. Samtempe mi kredas ke li faros novan kaj grandan kontribuon al la Esperanto afero.

La komisiito

## Funkciuloj de la projekto post la nova estraro

2010 estas elekta jaro de UEA. Antaŭ la 95-a UK finiĝis elekto de B-komitatanoj de UEA, 732 voĉoj konsideris la komisiiton kaj igis lin sukcese kapti la lastan lokon eniri en tiun postenon. Sekvis la elekto de la estraro en la unua kunsido de la nova komitato de UEA okazinta en la unua tago de la UK, t.e. en la 17-a de julio. Rezulte naskiĝis la 7-persona nova estraro, sed la vizaĝoj estas malnovaj krom Stefano KELLER, ĉar ili laboris/as en la estraro. i.a. S-ro Probal Dasgupta daŭrigas la postenon de la prezidanto, Maritza Gutiérrez revenas post tri jaroj kaj refoje respondecas pri landa kaj regiona agado. El tio aperas la nova konsisto de la funkciuloj de la projekto, t.e. Probal Dasgupta, Maritza Gutiérrez, Osmo Buller kaj Wu Guojiang.

# URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Salutmesaĝo de la urbestro de Havano



Estimataj kongresanoj,

La Provinca Popola Asembleo en Havano varme bonvenigas al nia ĉefurbo la partoprenantojn en la 95-a Universala Kongreso de Esperanto. Honorigas nin via ĉeesto kaj la ŝanco esti la kongresa urbo de evento, en kiu personoj sukcese komunikiĝas kaj interkompreniĝas per universala lingvo.

Nia urbo estas konstanta centro de kultura, scienca kaj alitipaj interŝanĝoj kun la mondo, multnombraj eventoj okazas sur ĝiaj diversaj scenejoj kaj tiu ĉi kongreso estas tia ekzemplo.

Havananoj, samkiel la tuta kuba popolo, faras kolosan laboron por atingi pli bonajn vivkvalitajn indicojn; kelkiuj jam superas altevoluintajn landojn, kio esprimiĝas en la disponigo de ĉiam pli bonaj kondiĉoj por klerigado, sano, sporto, amuziĝo kaj kulturo en ĉiuj ĝiaj manifestiĝoj.

Nia urbo, fondita antaŭ 490 jaroj, pro la amo kaj laboremo de siaj esperplenaj gefiloj restas

juna kaj viva por la ĝuo de siaj loĝantoj kaj la miro de la vizitantoj. Havano, gastama, banata de la maro, prikantata kaj revata de artistoj kaj poetoj, akceptas vin varmkore, deziras al vi feliĉan restadon, kaj esti tiel, ke via kongreso helpu al la ĉiam pli bezonata interkompreniĝo de la homoj.

*Juan Contino Aslán*
Prezidanto de la Provinca Popola Asembleo
Urbestro de Havano

### La salutmesaĝo de la estro de la Esperanto-urbo



Estimataj landaj, urbaj kaj kongresaj aŭtoritatoj, tre karaj gesamideanoj!

Jam pasis kvar jaroj ekde kiam la urba konsilantaro de Herzberg en Germanio unuanime decidis kromnomi Herzberg "la Esperanto-urbo".

Ekde tiam Esperanto iel fariĝis la dua oficiala lingvo de Herzberg; multiĝis en ĝi la instruado de la internacia lingvo, granda nombro da esperantistaj naciaj, internaciaj kaj fakaj eventoj gastiĝis en ĝi, amaso da eksterlandaj esperantistoj vizitis ĝin, nova Zamenhof-monumento memorigas al miloj da preterpasantoj la kreinton de la supernacia lingvo. Tio ne estas ĉio, ĉar la Herzberga laboro por Esperanto apenaŭ komenciĝis.

Kiel urbestro de Herzberg - la Esperanto-urbo mi akcentas la valoron de internacia kunlaboro kaj en tiu spirito invitas vin al mia, nome via urbo.

Herzberg subtenas Esperanton: vi subtenu Herzberg per via persona kunagado.

Gerhard Walter
urbestro de Herzberg -la Esperanto-urbo

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2009

**1.Funkciuloj de la projekto**

S-ro Probal DASGUPTA, prezidanto de UEA, donis atenton pri la projekto, eĉ aktive konsideris ĝin kiel enhavon en la nova laborplano de UEA 2011-2020; S-ro Hori Yasuo prezidis la 6-an kunvenon de Ĝemelaj Urboj pro nepartopreno de la komisiito en la Bjalistoka Kongreso; S-ro Osmo BULLER ofte donis siajn proponojn krom legado kaj takso al *Informilo de Ĝemelaj Urboj* (IĜU), ekz. efika utiligo de spaco en IĜU. La komisiito redaktis kaj dissendis kvar numerojn de IĜU, kaj pritraktis la mesaĝojn tiurilate, inkluzive etan enketon.

S-ro Robert Bogenschneider el Germanio (ekde septembro 2007 en Finnlando) oficiale

funkciis kiel provleganto de IĜU kaj per alta respondeco plenumis tiun taskon.

**2. Reagoj al la projekto**

IĜU estis ŝatata. Ĝi pasintjare allogis 162 reagojn el 51 landoj, i.a. ĝojinde tiu el Unuiĝintaj Arabaj Emirlandoj, kies esperantistoj maloftege aperis en nia Movado krom delegito en la Jarlibro. Ĝin citis aŭ raportis nemalmultaj gazetoj kaj retejoj, eĉ starigi tian rubrikon, ekz. CRI.

Ĉiu numeron de IĜU estas legebla ŝultebla minimume ĉe http://www.gazetejo.org, http://gxemelurboj.wikispaces.com kaj http://www.internacia-gazetejo.org. i.a. IĜU apereblas en la antaŭaj du tute pro laboro de s-ro Robert Bogenschneider

Estis ricevitaj la paperaj eldonaĵoj, Ĉinio: Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Mikrofone (Esperanto-redakcio de ĈRI) kaj Fortoza Folio en Tajvano; KAEM: Esperanto en Azio; kaj la retaj, Brazilo:BEL informas, Informilo de Kultura Kooperativo, Komunikoj; Ĉinio: Verda Pekino; Francio: Informletero de Vinilkosmo; Germanio: Verda Informilo; Hungario: Nordhungaria Informo; Kongo: KomACE; Koreio: La Solidareco.

De decembro 2008 ĝis marto de 2009 por faciligi interŝanĝon kaj riĉigi informojn estis dissendita enketo pri ĝemelaj urboj, sed la rezulto estas ne kontentiga, al tio reagis nur 22 samideanoj el 10 landoj, t.e. el Rio de Janeiro en Brazilo; Mlada Boleslav en Ĉeĥio; Troyes en Francio; Laatzen, Herzberg am Harz, Kronach, Neustadt/Weinstrasse, Neubrandenburg, Nurenbergo, Schwäbisch Hall en Germanio; Milano, Rimini, Sarzana, Vercelli en Italio; Kioto en Japanio; Uvira en Kongo (Dem. Resp.); Ciego de Avila en Kubo; N.Tagil, TIĤVIN en Rusio kaj Borlänge en Svedio.

**3. Atingoj**

Pli intensiĝis rilato inter la ĝemelurboj Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, en Germanio kaj Góra en Pollando pro okazo de la 86-a Germana Esperanto-Kongreso (GEK) kaj la 8-a Eŭropa Esperanto-Kongreso (EEK). Pliviglis tiu agado en la ĉina provinco Shandong ĝemeliĝa kun la franca regiono Bretonio kaj la japana gubernio Wakayama, i.a. eldoniĝis la libro *Kvindek du tagoj en Esperantujo*, kies parto trafis tiun temon, okazis la 3-a Internacia Festivalo de Esperanto kun ĉeesto de esperantistoj el la Bretona E-Federacio kaj gratulletero de Wakayama E-Asocio, kiuj ankaŭ ĝemeliĝis kun la provinca E-Asocio. "Terglobanan Festivalon 2009" en Japanio partoprenis Okayama Esperanto-Societo (OES) per ekspozicitabulo prezentiĝis agadoj de esperantistoj inter Okayama kaj siaj ĝemelaj urboj. Tiujare ankaŭ prezidanto de OES realigis sian renkontiĝon kun esperantistoj en la ĉina ĝemelurbo Luoyang sub helpo kaj aranĝo de la projekto. Esperantistoj de la ĝemelaj urboj Hohhot kaj Tianjin en Ĉinio, kaj Ulanbatoro en Mongolio kunsidis por la venonta 6-a AK. Liaoning provinca Esperanto-Asocio (Ĉinio) kelkfoje kontaktis la koncernajn departementojn de la urbo Tieling pri ĝemeliĝo kun Rumonge en Burundo.

Agadoj de kelkaj urbestroj vekis grandan atenton, ekz. ĉe malferma ceremonio de la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo s-ro OKUMOTO Tsutomu, urbestro de Takatsuki en Japanio, en sia parolado, akcentis rolon de Esperanto en disvolvado de urbaj aferoj kultura

kaj ĝemelurba. S-ro Aleksander SOSNA, vicurbestro de Bjalistoko, vizitis Zamenhof-parkon en la distrikto Lichtenberg de Berlino en Germanio kaj havis intencon ĝemeligi la urbon kaj la distrikton. La urbestro de Dessau en Germanio sendis salutan leteron al la estro de sia ĝemelurbo Gliwice en Pollando pro tio, ke Esperanto tie funkciis pli ol 100 jarojn.

**4. konsidero**

Indas konsideri tri ricevitajn proponojn pri kunlaboro kun NE-esperantistaj grupoj, t.e. rolo de esperantistoj en ĝemelurboj por agado de la persona adopta lingvo, la projekto "Ŝanĝurboj" kaj la organizaĵo Monda Federacio de Unuiĝintaj Civitoj. Necesas aldoni tiun kunlaboron al nova laboplano de la projekto verkanta.

**5. bedaŭro**

la 26-an de aŭgusto 2009 Prof. Jorge MOSONYI, la prezidanto de Venezuela Esperanto-Asocio, forpasis pro trafika akcidento en Karakaso. Li estis la dua forpasinta esperantisto de la familio Mosonyi. Lia patrino Lidia Szaz Mosonyi, kiu estis membro de Venezuela Esperanto-Asocio (VEA) ekde 1972, forpasis en la 18-a de junio 1998 (vidu n-ron 64/1998 Venezuela Stelo, organo de VEA). Kontribuo de la familio Mosonyi al la Esperanto-movado estas grandega. Li estis subtenanto de la projekto kaj entuziasma leganto de IĜU. Lia forpaso estas absolute granda perdo de nia Esperantujo.

## La Letero de la komisiito al la urbestro de Havano

2010-05-23

Estimata sinjoro Juan Contino Aslán, urbestro de Havano,

En la venonta julio la 95-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) okazos en la bela urbo gvidata de vi. Sinceran gratulon al vi.

La Esperanto-Movado havis historion de pli ol 100 jaroj en Havano. La tiea poresperanta agado ludis gravegan rolon por stabiligi kaj akceli la tutlandan Esperanto-movadon, eĉ en progreso de la monda Movado. La ĉefkomandanto Fidel Castro persone partoprenis en la solena inaŭguro de la 75-a UK same okazinta en Havano en 1990. Tia okazo estas neofte vidita. E-elsendo de Radio Havano Kubo, kiu startis la 11-an de septembro 1988, estas unu el nemultaj E-elsendoj de Radio ekzistaj en la mondo.

Nun mi skribas al vi por alia afero, t.e. en la Esperanto-movado estas projekto "Ĝemelaj Urboj" , ankaŭ unu el la laboroj de UEA. Ĝi celas aplikon de Esperanto kaj interŝanĝon inter ĝemelaj urboj. Dum ĉiu UK-o okazas kunveno pri tiu temo. S-ino Maritza Gutiérrez Gonzáles el Havano dufoje ĝin prezidis kiam ŝi estis trijara estrarano de UEA. La kongresurbaj estroj invitis kaj akceptis kongresanojn el ĝemelaj urboj dum nemalmultaj UK-oj. Esperanto kaj ĝia UK jam fariĝas unu el efikaj metodoj per kiuj oni profundigas amikecon kaj fortigas kunlaboron inter ĝemelaj urboj.

Havano havas 30 ĝemelajn urbojn, ekz. Sao Paulo en Brazilo, Glasgow en Britio, Beijing

en Ĉinio, Rotterdam en Nederlando, Constanta en Rumanio, Moskvo en Rusio, Belgrado en Serbio, Caracas en Venezuelo ktp. Se vi povas trovi tempon konsideri informi pri tiu ĉi UK la urbestrojn de viaj ĝemelaj urboj, kaj inviti ilin kaj instigi tieajn esperantistojn al la kongreso, tio brilegos la tutan kongreson, kaj estos granda kontribuo ne nur al Esperanto, sed al evoluo kaj progreso de Havano. Espereble mia letero ne ĝenas vin kaj vian laboron, kaj kore bondeziras:

Feliĉon al vi.
Prosperon al Havano.
Sukceson al la kongreso.

*Wu Guojiang*

## SERVA PLATFORMO

Heidi GOES estas flandra esperantistino en Belgio. De 2007 ĝis marto 2010 ŝi prezidis la Flandran Esperantistan Junularan Asocion, fariĝis Ĝenerala Sekretario de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio en 2008. En novembro 2009 instruis Esperanton al preskaŭ 500 indonezianoj, dume ankaŭ esploris pri la historio de la E-movado en Indonezio, kontaktante pionirojn aŭ ties infanojn. Ekde septembro 2010 ŝi rekomencas instruo-vojaĝon de Esperanto kaj restos en 8 urboj: Jakarta, Bogor, Bandung, Semarang, Surabaya, Jogjakarta, Medan kaj Batam. Por instigi tiujn kiuj ekz. jam solaj eklernis, aŭ lernis kun ŝi, starigi grupon/klubon, ŝi aktive konsideras rolon de ĝemelaj urboj konsciante gravecon de subteno de eksterlanda klubo. Plej gravas ke la urboj komprenas ke la lingvo utilas.

Ŝi jam trovis esperantistojn en kelkaj ĝemelaj urboj tra la Jarlibro, sed ne trovis samideanojn en jenaj urboj: Klagenfurt, Aŭstrio; Manchester en Britio; Chengdu, Fuzhou, Guangzhou, Shenzhen kaj Xiamen en Ĉinio; Gödöllő en Hungario; Mumbai in Indio, Ichikawa kaj Kochi en Japanio; Gangbuk-gu en suda Koreio; Singapore City in Singapuro; Surinamio; St. Louis kaj Tallahassee en Usono; Hue en Vjetnamio. Bv. sendi la mesaĝon al la grupprespondeculo de la koncerna urba klubo (en la kazo de Gauteng temas pri provinco), aŭ al la tuta klubo, por ke eblaj interesatoj povu inter si interkonsenti kaj respondi al ŝi heidi.goes@gmail.com

## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro Maritza Gutiérrez, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, la komisiito de la projekto


### Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de